Dumonata. N-ro 7 Decembro 1947

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*

*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich : Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser :

**230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).**

## POSTMILITA ESPERANTO-MOVADO

Milito ĉiam havas malfavoran sekvon rilate al ĉio kio altigas la homojn super la materian profiton. Tiel estas ĉe la venkintoj kiel ĉe la venkitoj.

Tian konsekvencon havis la unua mondmilito; la dua estas pli katastrofa; la senprofitemo kaj la malegoismo revenas pli malrapide, ĉar la paco restas pli longe for. Dum la unua milito oni daŭrigis la instruadon de Esperanto en ĉiuj landoj; dum la dua monda katastrofo, en la okupata parto de Eŭropo, esperantisto ne favora al la « Nova Ordo » estis kvazaŭ Judo. Publika por-esperanta agado ne estis ebla; novaj esperantistoj ne estas varbitaj, kaj inter la malnovaj, multaj ne plu vivas.

Feliĉe, malgraŭ la necesa pormilita laboro, kaj la oftegaj bomatakoj al Anglujo, la Internacia Esperanto-Ligo daŭrigis sian senlacan klopodadon, kiu efikis ĉefe en Britujo, kaj ankaŭ en atingeblaj partoj de la mondo.

Tiel, de la jaro 1941a ĝis la fino de 1944, la nombro de la membroj de I. E. L. kreskis je 30 % dum tiu de la membro-abonantoj duobliĝis.

La Esperanta movado ankoraŭ plifortiĝos pro la okazinta rekuniĝo de **Internacia Esperanto-Ligo** kun **Universala Esperanto-Asocio.** Tiel solviĝis la longdaŭra « Organiza Problemo » kiu, de 25 jaroj, tro ofte skuis la Esperantistaron. La kerno de la Movado restas internacia kaj neŭtrala.

La internacia helpa lingvo, por venki, ne povas esti specialaĵo de iu aŭ alia el la pensmanieroj, kiuj dispartigas la homojn. Tiu veraĵo evidentiĝis jam kiam, antaŭ pli ol 20 jaroj, Franca ministro Berard malpermesis al la instruistoj en Francujo sin okupi pri Esperanto. Tiu malpermeso devenis de tio ke iuj esperantistoj estis bruantaj favore al agitado, kiun la Franca registaro juĝis danĝera.

La fablisto La Fontaine rakontis kiel urso, fariĝinte amiko de ĝardenisto, volis protekti lin, dum lia dormo, kontraŭ pikvundo de muŝo, kiu estis sur lia

LEEST HET PROPAGANDA-ARTIKEL, blz. 59

LISEZ L'ARTICLE DE PROPAGANDE, p. 60

**BONVOLU JAM REPAGI VIAN KOTIZON !**

nazo. Tiucele la urso prenis pavimon, kaj jetis ĝin sur... la nazon. Ekzistas en la mondo personoj kiuj defendas Esperanton tiamaniere. Ekzemple, Asocio, laŭdire tutmonda, rifuzis sian helpon por la petskribado al U. N. E. S. C. O., ĉar laŭ ĝia opinio, « Esperanto kiel NUR HELPANTA LINGVO, pravigas nenies penadon ». Tiu Asocio de Esperantistoj deklaras celi al tio ke « **Esperanto anstataŭu nepre kaj definitive naciajn lingvojn** ». La intencoj de tiuj superamikoj de Esperanto estas tiel favoraj, ke ili volas uzi pavimon por tuj trafi la celon. Ĉu ili estas tiel blindaj ke ili ne vidas ke, se kunfandiĝo de la lingvoj estos iam ebla, la uzado de Esperanto, kiel HELPA lingvo, estas unua grava alpaŝo al tia celo? Sed iliaj trograndigoj tutsimple estigas malfidon al Esperanto. Mallertaj amikoj povas esti pli danĝeraj ol malamikoj.

Estas facile kompreneble ke, en ĉiu regno, forta vere neŭtrala centro estas nepre necesa. Por estigi en Belgujo, pri Esperanto, ĝeneralan opinion tute favoran, la kunhelpo de ĉiu el la anoj de nia Belga neŭtrala Ligo, estas necesa. JES DE ĈIU. Por faciligi la propagandan taskon de la Liganoj, nia Bulteno enhavas nacilingvajn propagandajn redaktaĵojn. **Ĉiu ligano devus legigi ilin de kvar aŭ kvin konatuloj.** Li pretigu sin por povi doni kompletigajn klarigojn. Eventuale li sin turnu al sia Grupo aŭ al la Liga propaganda sekretario, por ricevi pliajn informojn. Per la sistemo de neĝbulo ni povas tre fortiĝi.

Karaj geamikoj, ne diru : « **Mi ne havas tempon** ». Estas vere ke ĉiuj el ni ne povas disponi egalan kvanton da tempo libera por propagandi; sed ĉiu havas konatulojn al kiuj li povas montri nian Bultenon; kaj ĉiu povas diri ke li estas esperantisto, aŭdigi ke Esperanto estas **vera** lingvo kaj lingvo belsona. Ĉu vere iuj **timas** diri sin esperantistoj? Ni tamen ne plu estas en la reĝimo Hitlera de « nova ordo ». Estas preskaŭ nekredeble ke samideanoj laŭdas Esperanton nur ĉe kunvenoj de esperantistoj.

**Kredo sen ago estas malviva kredo.** Karaj samideanoj, multfoje de post la naskiĝo de Esperanto, oni skribis ke ĝi ne taŭgas « **pro artefariteco** ». Tion oni ankoraŭ faras nuntempe. Tio montras ke Esperanto estas ankoraŭ ne sufiĉe konata de la granda publiko, kaj eĉ de filologoj. Jen estas la malbono, kiu, per la helpo de ĉiuj esperantistoj, devas malaperi. La legendon de « netaŭgeco pro artefariteco » ni devas detrui. Esperanto taŭgas; **kaj ĝi ne vere estas artefarita;** « **ĝi estas lingvo nature deveninta de lingvoj, kiuj evoluis historie** ». Tion ni devas diri, rediri, **kaj pruvi.**

Bona cirkonstanco ekzistas ankoraŭ por kontaktiĝi kun varbotaj personoj : ĝi estas la petskribado, favore al Esperanto, al la Organizaĵo por Ekonomio, Scienco, Kulturo, ĉe la Unuiĝintaj Nacioj (U. N. E. S. C. O.). Tiu petskribado estas daŭrigota. Kelkaj samideanoj jam multe klopodis pri tiu petskribado; aliaj agis nur malmulte. Ĉiuj petu de la propaganda sekretario de Belga Ligo, deklarfoliojn, havu la firman volon subskribigi ĉiujn ricevitajn deklarilojn. Ne unu estu perdata. **Konsilu al la subskribintoj lerni Esperanton, kaj ne forgesu montri al ili lernan rimedon.**

Kelkaj samideanoj skribis al ni ke la propagando per la gazetaro devus esti intensigata; ili estas pravaj. Ĉiuj helpu : 1e, sendante al nia propaganda centro gazetajn eltranĉaĵojn favorajn aŭ malfavorajn al la Internacia Lingvo; 2e, sendante ankaŭ la adresojn de **ĉiusemajnaj** gazetoj partiaj aŭ nepartiaj; 3e kiam ni legis en gazeto redaktajon malfavoran al Esperanto, **ni ne rekte protestu.** Ni pli facile sukcesos elektante taŭgan momenton por doni la koncernajn klarigojn, eĉ ne aludante la atakon.

Karaj gesamideanoj kaj geamikoj, ni ne simple pensu kaj diru : « **Esperanto venkos** ». Sed ni povas havi la firman konvikon de « **Esperanto venkos PER NIA KUNA LABORO** ».

**C. V.**

# DE INTERNATIONALE HULPTAAL

Meer dan ooit is een gemeenschappelijke hulptaal noodzakelijk voor de steeds talrijker en meer en meer belangrijk wordende internationale conferenties, die ten heden dage gelijken aan « Torens van Babel ».

De meest bevoegde personen zijn niet altijd deze die het meest aantal talen kennen, hetzij op internationaal politiek-, economisch-, sociaal-, vestandelijk- of humanitair gebied.

Het Esperanto is geen « kunstmatige » taal; Zamenhof heeft de elementen van zijn wereldtaal geput uit de Europese talen welke zich historisch hebben ontwikkeld; alle **nutteloze** moeilijkheden heeft hij weggelaten.

Het Esperanto heeft zich stilaan doen kennen in alle beschaafde landen. Het bezit een belangrijke letterkunde in vertalingen van grote schrijvers (een duizendtal), in oorspronkelijke letterkundige en wetenschappelijke werken (ook een duizental), in tijdschriften en revues. Het heeft zich aldus bekwaam getoond om met bevalligheid de abstracte gedachten en de fijnste gedichten te vertolken, ondanks dat het vrij is van idiotismen en moeilijkheden die het leren van een taal zo lastig maken.

Als gesproken taal heeft het Esperanto zijn waarde getoond in 32 jaarlijkse wereldse congressen van esperantisten gekomen uit alle landen van Europa, uit Amerika, en zelfs enige uit Azië. In die congressen is de enige gebruikte taal het Esperanto, en al de congressisten verstaan elkander uitstekend. Zo gaat het ook bij de voordrachten van specialisten, die plaats hebben ter gelegenheid van die congressen, of op andere tijdstippen. Gezongen, klinkt het Esperanto zoals de Italiaanse taal.

Jaren lang heeft Dokter Zamenhof gewerkt om zijn geniale uitvinding te voltooien, ze voortdurend beproevende door allerhande en uitgebreide vertalingen. Enige jaren nadat hij Esperanto aan de wereld had geschonken, zonder zich een schrijversrecht voor te behouden, wilden verschillende intellektuelen iets van gelijken aard maken, of in Esperanto enkele vormen, die hun niet bevielen, veranderen, of een taal samenstellen min algemeen doch meer westelijk-Europees. Er zijn voorstellen geweest gesteund op één levende of op één doode taal.

Maar hetgeen « beter » is voor de enen, is niet goed, zelfs slecht, in de ogen van een ander. Hoe al die tegenstrijdige voorkeuren doen overeenkomen? Een spreekwoord zegt : « Indien, om de Wereld te scheppen, God een commissie had benoemd, zo zou de Wereld nog niet geschapen zijn ». En nochtans heeft de Mensheid de grootste behoefte aan het algemeen gebruik van de hulptaal.

Theoretische voorstellen volstaan niet : **de bevestiging van de practijk is noodzakelijk.**

De hulptaal, eenvoudig, gemakkelijk, gewaardeerd niet alleen door Europeanen en Amerikanen, maar ook in China en Japan, geschikt tot alle gewenste diensten, bestaat en wordt practisch gebruikt. Wat kan men meer verlangen?

Bijgevolg heeft het Congres der Internationale Verenigingen, vergaderd te Brussel in 1920, de wens geuit « dat alle mensen die de behoefte van één hulptaal erkennen, zich aansluiten, om deze grote vooruitgang te verwezenlijken, bij de belangrijke beweging die tot doel heeft het Esperanto te verspreiden, verdagende elke verbetering — indien nodig — tot het ogenblik dat de hulptaal zal ofifcieel aangenomen zijn door de regeringen ». Daar is de gezonde rede.

In 1922 kwam het Algemeen Sekretariaat van de Volkenbond, in zijn rapport A. 5 (1) 1922, tot hetzelfde besluit. Daarenboven, een hulptaal willen,

die meer westelijk zou zijn, of meer Romaans, of meer Germaans, of meer Engels, komt overeen met aan sommige natiën een voorrecht te geven om hun gedachten te doen voorgaan.

Talrijke geleerden hebben zich gunstig uitgesproken over het practisch gebruik van Esperanto, o. a. een groep van 25 leden van het « Institut des Sciences » te Parijs hebben door een manifest hetzelfde gedacht uitgedrukt voor wat de zuivere of toegepaste wetenschappen betreft.

De Internationale Commissie van Electrotechniek heeft in 1935 (zitting te Brussel) besloten de technische termen in Esperanto op te nemen in haar woordenboek over electriciteit. Enige maanden voor zijn dood, schreef de Generaal LEMAN, lid van de Belgische Academie : « De uitvinding van Zamenhof (het Esperanto) is, ten opzichte van de wereldse uitbreiding, de grootste van allen. Zij is bestemd voor de wereldse economie te vernieuwen en de productie reusachtig te vermeerderen... De onverschilligheid te dien opzichte is waarlijk bedroevend, en bewijst meer nog dan de oorlog, de verfoeilijke barbaarsheid waarin het mensdom nog gedompeld is. De XX^e^ eeuw moet zulk dwaalbegrip doen verdwijnen ».

Het nut van de telefoon is vermeerderd, en vermeerdert nog, in evenredigheid met de tweede macht van het aantal abonnenten. De zelfde wet geldt voor de internationale taal; « om deze grote vooruitgang te verwezenlijken », laat ons zo scherpzinnig zijn als de eerste aangesloten aan de telefoon.

Tradukis : **J. NACHTERGAELE.**

---

## QUESTION DE LANGUES

Nous pensons que quiconque a réfléchi sérieusement à l'importance des relations internationales, par correspondance, par publications, par conférences et congrès, par conversations particulières, et aux difficultés qu'elles rencontrent actuellement, estime qu'il faudra un jour en venir à l'emploi d'une langue auxiliaire internationale.

Quelle sera cette langue? Sera-ce celle d'une nation ou d'un groupe de nations : l'anglais, le français, le portugais, le russe, l'arabe, l'hindoustani?...

A ceci répond une boutade d'un auteur français :

« Si des Français doivent discuter avec des Anglais, en ne sachant pas parfaitement leur langue, il vaut mieux qu'ils aient l'air de ne pas la savoir du tout; les autres essaieront de parler français et les Français auront la supériorité de la langue. Mais si les Anglais veulent aussi garder la supériorité, on s'examinera noblement et dignement, sans rien dire. »

Pour traiter des questions importantes, quels sont les hommes capables de se servir, tant oralement que par écrit, d'une langue étrangère, aussi bien que les gens dont celle-ci est la langue maternelle, pour ne pas se trouver en état d'infériorité devant ces étrangers?

Ils sont très rares, d'autant plus rares que les gens les plus compétents en une branche déterminée ne sont pas toujours les plus forts en langues.

Il faut donc que les intellectuels d'élite, de toutes les spécialités, disposent d'une langue **neutre relativement aux nationalités,** et telle que tous puissent être également capables de la bien employer; d'une langue **facile à apprendre par suite de sa simplicité.**

« Une langue simplifiée? Mais alors, pourrait-on penser, ce serait une langue incomplète et, par suite, incapable d'exprimer des idées complexes, délicates. »

Voilà l'erreur que l'on fait souvent : confusion entre « complet » et « compliqué », entre « simple » et « incomplet ».

Quiconque a eu l'occasion de comparer deux, trois, quatre, cinq... langues, modernes ou anciennes, a pu constater qu'elles ne sont pas toutes également compliquées; certaines difficultés existent chez l'une et pas chez l'autre, et réciproquement.

Le français n'a pas les déclinaisons de l'allemand. Cela n'empêche pas les Français d'exprimer leurs pensées aussi bien que les Allemands. L'anglais est beaucoup plus simple que le français et l'allemand au point de vue des conjugaisons et des genres grammaticaux (ceux-ci étaient déjà **illogiquement** employés dans les langues anciennes). Les Anglais ne sont pas, pour cela, incapables d'exprimer des idées complexes aussi bien que les Français et les Allemands, que les Romains et les Grecs.

Il n'est donc pas impossible qu'une langue soit complètement efficace tout en n'ayant pas de déclinaisons, pas de genres grammaticaux, pas de verbes irréguliers, pas d'écart entre l'orthographe et la prononciation! en ayant une seule et très simple conjugaison, des désinences spéciales et uniques pour distinguer le substantif (o), le qualificatif (a), l'adverbe dérivé (e), le verbe à l'infinitif (i); une seule façon de former le pluriel des adjectifs et des substantifs (j).

L'emploi systématique et logique de préfixes et suffixes **au sens précis** n'est pas plus anormal que l'usage d'affixes dont les significations, dans les langues ordinaires, empiètent les unes sur les autres et manquent de précision. La netteté de sens ne peut être que favorable à la clarté.

Les langues empruntent, les unes aux autres, des mots, des racines. Il est donc naturel que la langue auxiliaire soit constituée par des racines prises dans diverses langues européennes et dans le latin. Il est naturel aussi que ces racines soient employées sans flexion.

**Il s'agit d'une langue dérivée naturellement de celles qui ont évolué historiquement.** En cette langue on a traduit en entier, en prose et en vers, des chefs-d'œuvre littéraires de l'antiquité et des temps modernes (par exemple : l'Enéide, l'Enfer de la Divine Comédie, Hamlet et d'autres), avec une fidélité dans l'expression des nuances aussi grande, et parfois plus grande, que celle des langues ordinaires. Elle est ainsi apparue complètement apte à faire admirer partout les particularités, les nuances, les finesses de ces œuvres. Elle s'est montrée aussi de grande valeur en ce qui concerne les ouvrages de philosophie, de mathématiques et de sciences diverses.

En chaire et au théâtre, on pu entendre cette langue sonner comme l'italien. Cette langue, c'est l'**Esperanto.**

**La temo estas pri lingvo devenigita nature de tiuj, kiuj evoluis historie.** En tiu lingvo oni tradukis tute, per prozo kaj per versoj, majstroverkojn literaturajn el la antikvaj kaj la modernaj tempoj (ekzemple, per versoj : Eneidon, Inferon el la Dia Komedio, Hamleton, kaj aliajn), kun fideleco en la esprimo de la nuancoj, tiel granda kiel tiu de la ordinaraj lingvoj (kaj iafoje pli granda). Tiu lingvo estas **Esperanto.**

**Cl. VANDEVELDE.**

## 33a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Malmö (Svedujo), de 31a de Julio ĝis 7a de Aŭgusto 1948.

| Kongreskotizoj | Ĝis 31/12/47 | Ĝis 31/3/48 | Poste |
|---|---|---|---|
| — | — | — | — |
| Kongresano ... ... ... ... ...b. fr. | 250,— | 312,50 | 375,— |
| Edzo aŭ edzino de kongresano ... ... | 125,— | 187,50 | 250,— |
| Junul(in)o ne pli ol 20jara ... ... ... | 100,— | 125,— | 187,50 |

**Aliĝiloj** estas haveblaj de Reĝa Belga Ligo Esperantista, 19, avenuo Montjoie, Bruselo. Oni aldonu afrankitan kaj adresitan koverton por la respondo.

**Pago de kongreskotizoj.** — Ni faris aranĝon kun L. K. K. por ke la belgaj kongresanoj povu pagi sen ia malfacilajo, al la poŝtĉekkonto n-ro 1337.67 de R. B. L. E. (La Louvière) kiu transsendos la monon al la Kongreskomitato.

**Blinduloj.** — Konforme al la Kongresregularo, blindulo kaj gvidanto ricevos senpagan kongreskarton.

**Informoj** pri loĝejoj, ekskursoj, k. c. estos dissendataj al la aliĝintoj.

---

## FILMO PRI LA LINGVA PROBLEMO

« The British Esperantist » en n-ro de Novembro/Decembro 1947, raportas pri nova filmo eldonita de Empire Film productions, kaj pritraktanta la lingvan problemon. La titolo estas « In other Words » (Alivorte).

En diversaj cirkonstancoj, en la libera oratorejo de Hyde Park, en impona lernejo, en la Kolegio Sankta Johano en Cambridge, k. c. oni vidas scenojn en kiuj la homoj sur la ekrano emfazas la bezonon de komuna lingvo, kaj uzas la vortojn « la internacia lingvo » kaj « Esperanto » kvazaŭ ili havas la precize saman signifon.

La filmo estas en angla lingvo, kaj pro tio nur uzebla en Britujo kaj en Usono.

---

## TRA LA GAZETARO

El Ĉekoslovakujo ni ricevis la jenan informon :

« La deklaro al O. N. U., favore al Esperanto estas subskribita de la jenaj Ĉekoslovakaj eminentuloj : la Ĉefepiskopo en Praha, D-ro Jozef Beran; la Prezidanto de la Registraro, S-ro Jozka David: la Vic-Prezidanto, S-ro Zdenĕk Fierlinger; la Ministro de Industrio, S-ro B. Lauŝman; la Universitata Profesoro S-ro Jozef Crna; la Parlamentano Antonin Zatopotocky.

En Belgujo proksimume la kvinono de la subskribintoj estas universitaj diplomitoj; sed, ĝis nun, neniu ministro subskribis.

Samideanoj kiuj estas konatuloj de ministroj, helpu.

La okpaĝa « Propagandablad voor het Spiritualisme » (Amsterdam) enhavas en siaj Aŭgusta kaj Septembra kajeroj respektive trionpaĝan kaj kvaronpaĝan esperantan tekston, titolitan « La Spiritmondo » kaj « Kie estas mia infano? »; en la Oktobra kajero estas nederlanda teksto pri « Spiritisme en Esperanto »: ĝi konsistas el recenzo de prelego farita en Esperanto en Bern, de S-ino Holmes el London.

En « Espero Katolika » (I. K. U. E.) ni trovis interesplenan redaktajon pri la Insulo Walcheren, kies devizo estas : « Mi luktis kaj venkis ». Ĝi ree venkis la maron : la tuta loĝantaro obstine laboris danĝere por savi la insulon kontraŭ subakva malapero pro rompitaj digoj dum la militajoj de Oktobro 1944. Per simila obstineco la esperantistoj luktu kaj venku.

Ni ricevis el Aŭgsburg (Germanujo) ekzempleron de « Ukrajna Esperantisto » (16-paĝa, maŝine skribita kaj multkopiita); ĝi enhavas interesplenajn redaktajojn : i. a. poeziajon (« Mia Kredo »), « Iom da gramatiko kaj Ukrajna Historio » (pri landnomoj) ; « Lingvo internacia » ; « Vorto de Papo Pie XII » k.t.p. Ĝi montras grandan laboron por antaŭenirigo de Esperanto kaj por liberigo de Ukrajnujo.

---

## ESPERANTISTA KRONIKO

— AŬSTRUJO. — De la 17a ĝis la 19a de Oktobro 1947, okazis en la bela nordtirola urbeto Kufstein la unua postmilita aŭstria Esperanto-kongreso. Partoprenis ĉirkaŭ 300 delegitoj kaj unuopaj membroj de la superintendenca federacio kaj de la societo de la amikoj al Esperanto. Multaj oficialaj personoj kaj asocioj de la aŭstria registraro kaj de la tutmonda esperantistaro, salutis la kongreson.

La supre nomitaj du organizoj akceptis la raporton de la aŭstria Esperanto-delegacio kiu partoprenis la 32an universalan kongreson en Bern, kaj poste elektis la novajn estrarojn.

Dimanĉe okazis katolika diservo kun prediko en Esperanto. Sabaton vespere estis mult-vizitita amuzvespero kun varia programo, precipe prezentita de tirolaj kaj burglandaj esperantistoj.

Post akcepto de diversaj rezolucioj, la aŭstria Esperanto-kongreso 1947 sendas fratajn salutojn al la membraro de ĉiuj aliĝintaj landoj.

— GERMANUJO. — Restariĝis, en la brita, usona kaj franca zonoj, Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.), kun sidejo en München. La unua landa kongreso okazos dum Pentekosto 1948. Tuj poste okazos Internacia Junular-Kunveno en la Alpoj. La Junular-Sekcio de G. E. A. invitas ĉiujn junulojn partopreni en ĝi. Partopreno kaj vojaĝo en Germanujo estos senpaga por eksterlandanoj. Turnu vin de nun al G. E. A., München 23, Postfach 47.

---

## NEKROLOGO

— F-ino Marguerite NYSSENS, membrino de Esperantista Brusela Grupo kaj de R. B. L. E., Kavalirino de la Ordeno de Leopoldo, forpasis la 7an de Oktobro. Ŝi uzis sian longan vivon je bonfaremo kaj ĉirkaŭ ŝi ĉien disradiigis ĝojon.

Al ŝia frato S-ro Paul Nyssens, nia malnova samideano, kaj al la familio, ni kondolencas tutkore.

---

## BELGA KRONIKO

BRUĜA GRUPO. — Post la someraj kaj libertempaj kunvenoj, dum kiuj diversaj britaj samideanoj vizitis la grupon, rekomenciĝis vico de pli intimaj kunvenoj, dediĉataj grandparte al pliperfektigo en la lingvo per interparolaj ekzercoj k.t.p. Nova elementa kurso estas en preparo por la komenco de Januaro 1948.

*Programo.* — Ordinaraj kunvenoj ĉiumarde, je la 8a vespere, en la grupa sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », en bone hejtata ejo : la 18an de Novembro : parolado de S-ro David Demeulenaere, grupa sekretario pri « Poŝtmarkoj; la 23an (Dimanĉon) : je la 2 ½, Granda Placo, Poŝtoficejo, rendevuo por promenado, vizito de la Muzeo de la Sankta Kruca Pordego kaj de la Gezelle-Muzeo; la 25an (Mardon) : ordinara kunveno, debato « Longaj aŭ mallongaj jupoj »; la 2an de Decembro : interparolaj ekzercoj; la 9an : surpriza vespero, ĉiu bonvolu alporti nekonatan premion; la 14an (Dimanĉon) : je la 2 ½, Granda Placo, Poŝtoficejo, rendevuo por promenado, direkto pli poste elektota; la 16an (Mardon) : Zamenhof-vespero; la 23an : kartludado; la 30an : portretludo.

La 6an de Januaro 1948 : a) Festo de la Tri Reĝo, dispartigo de Tri-Reĝa-Kuko; b) Lastaj preparoj por nova kurso; la 11an (Dimanĉon) : je la 2 ½, Granda Placo, Poŝtoficejo, rendevuo por promenado, direkto pli poste elektota; la 13an (Mardon) : a) Malfermo de nova elementa kurso, unua leciono; b) Ordinara kunveno; la 20an : dua leciono; la 27an : a) trio leciono; b) Ĝenerala Jarkunsido de la Grupo : raportoj, elektoj, k.t.p.

BRUSELA GRUPO. — La kunvenoj regule okazis malgraŭ la libertempo. Ni devas speciale mencii la parolatan ĵurnalon kiu estas reorganizita kaj sukcesas mirinde. Ĉiuj partoprenantoj parolas serioze aŭ gaje, kun scienco aŭ originaleco pri diversaĵoj kaj estas problemo elekti la plej valorajn redaktantojn. La silentemuloj, iom hontaj, pagis la ŝuldon de du frankoj, puno de la deteno. Ekster la regulaj kunsidoj, krom la promenadoj, kelkaj grupanoj ĉeestis (28/9) al la solena inaŭguracio de la « Memorialo » starigita je memoro de Pastro Agnello Vanden Bossche ĉe la « Œuvre Nationale des Aveugles ». Ankaŭ kelkaj vizitis la tombon de nia bedaŭrata amiko Mercel Dumont (5/10) D-ro Kempeneers faris mallongan paroladon, en kiu li emocie skizis la meritojn de la mortinto.

*Programo de la venontaj kunsidoj* (Ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat, je la 20a).

Decembro : la 1an S-ro Swinne parolos pri « Maurice Chevalier »; la 8an komitatkunveno, parolata ĵurnalo; la 15an Zamenhofa vespero, parolado de la Prezidanto, legado de poeziaĵoj, kantoj, k.t.p.; la 22an je la 20a, *jubileo de F-ino Obozinski*, komuna vespermanĝo en restoracio « Le Blé d'Or », rue de Louvain, 35 (apud Place Madou); partopreno, 100 frankoj pagotaj al la poŝtĉekkonto 1230.48 de Esperantista Brusela Grupo, rue Jourdan, 185, Bruselo, plej malfrue la 15an de Decembro 1947; la 29an, ni amuzu nin, finjara vespero.

Januaro : la 5an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo; la 12an S-ro Van der Stempel, pri « Domo kaj meblaro »; la 19an, ĝenerala kunveno, raporto de la komitato, aprobo de la kalkuloj, elektoj; la 26an, S-ino Staes Van de Voorde « Literatura vespero ».

Februaro : la 2an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo; la 9an S-ro Hart, pri « Io ajn »; la 16an S-ro Oleffe, pri « Mi vojaĝis en Bretagne dum 1947 »; la 23an S-ino Elly Staes, « Literatura vespero ».

*Promenadoj.* — Rendevuo je 14.30. Decembro la 14an : Midi (angulo boulevard Maurice Lemonnier) al Anderlecht, kie oni vizitos la preĝejon Saint-Guidon kaj la parkon. La 28an : Nord (kampartramoj) al Meysse.

Januaro la 11 an, placo Vanderkindere al parko Duden. La 25an, Porte de Ninove (tramatendejo) al Dilbeek.

Februaro la 8an, ponto de Woluwe al Rouge-Cloitre. La 22an, Place Rouppe al Hal.

GENTA GRUPO. — La kunsidoj de la grupanoj okazos je sabatoj 13a kaj 20a de Decembro (ne la 27a, pro libertempo), 10a kaj 24a de Januaro; ĉiufoje je la 17a horo, en la mezgrada lernejo, 1, Bisdomkaai.

Rakontoj, paroladetoj, tradukoj, kompletigaj gramatikaj klarigoj por la lernantoj de la perletera lecionaro; ekzercoj por ke la novuloj akiru bonan parolan uzadon de Esperanto, kaj por ke la malnovuloj konservu kaj perfektigu ĝin.

— En la « Flandra Komerca Foiro » okazinta antaŭ ne longe en Gent, oni vidis tre interesan dismontrejon pri Esperanto, organizitan de Flandra Esperanto-Instituto. Per grava

montrata kolekto da vendotaj libroj la publiko povis konstati ke Esperanto estas nedubeble realaĵo.

*Novaj kursoj.* — La fino de la somera libertempo devigis remalfermon de lecionaroj pri Esperanto en diversaj urboj. Speciale notindaj estas la malfermoj de novaj lecionoj en Blankenberge kaj Oostende (gvidataj de S-ro F. Pinteleon, profesoro ĉe la mezgrada ŝtatlernejo en Blankenberge), kaj en Charleroi (gvidado de S-ro Delforge, S-ro Paulus, kaj S-ro Charles). Ni deziras bonegan sukceson al tiuj pioniroj.

---

## KAPROMPIGA ANGULO

*Solvo de la silab-enigmo el la Oktobro-numero.*

Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Ŝlosilvortoj :

korekta, kredito, neĝusta, kravato, koboldo, trezoro, kolbaso, legendo, planedo, kalkuli, kritiki, negrino, profilo, tremolo, mespilo, kaprico, prediko, perfido, bramano, kantono, artisto, tritiko, muskolo, patrino, trapezo.

## LITERGRUP-ENIGMO

El la subaj 84 litergrupoj formu 28 naŭliterajn vortojn, kies unuaj literoj formas konatan esprimon.

*abn - afo - ala - ala - alo - ani - ant - arg - aro - baz - bro - cim - cio - coj - ebi - ega egr - ekv - ela - elo - elo - eno - era - eri - esp - eva - eve - fio - fon - gin - gra - idi ili - ili - imp - ino - ipr - klo - kta - kve - lio - naf - ndi - nea - nek - nep - nge - nta nta - nto - nto - nto - ntu - ogo - oka - ome - org - ori - oro - oti - oti - per - ram - rec rek - rol - sek - sko - smo - smo - smo - spe - spe - spo - tal - ton - tor - tel - ter - ulo ult - umb - ume - uli*

Jen la signifoj de la vortoj :

*1.* biografia raporto pri ĵus mortinta persono; *2.* povanta okazi, dependa de necertaj cirkonstancoj; *3.* solida, blanka, forte odoranta karbonida substanco, ekstraktita el terkarba gudro; *4.* nelogika aparta vortokonstruo, propra al iu lingvo sed ne al aliaj; *5.* lazurblua farbo; *6.* io, kion la mondo nepre bezonas; *7.* malgranda kvanto da iu komercaĵo servanta por konigi ĝin al aĉetontoj; *8.* dika aranea, ofta en Italujo; *9.* volonta forgeso pri sia propra utilo aŭ bono; *10.* tio, kion oni vidas en teatro, kinejo aŭ cirko; *11.* kursekvi por atingi aŭ malamike trakti; *12.* aparte atentigi pri io aŭ iu por altiri al ĝi favoron, protekton; *13.* karakterizas la unuan primitivan formon de io, kontraste al kopioj; *14.* mola parto de la kranio ĉe tre junaj infanoj; *15.* unua parto de la Nova Testamento; *16.* elektra aparato por transsendi sciigojn per videblaj signoj; *17.* tuto de la organoj kiuj konsistigas vivan estaĵon; *18.* posedanta la talenton facile, konvinke kaj bele paroladi; *19.* troa uzo de sia povo aŭ influo por havigi postenojn aŭ favorojn al sia parencaro; *20.* propravola, meminiciata; *21.* sentegmenta fako de veturilo aŭ vagono; *22.* rezona pruvo en diskuto; *23.* familio de plantoj, kies floroj troviĝas sur pedunkloj, elkreskantaj el la sama punkto ĉiudirekten; *24.* kvalifikanta la agadon de du personoj el kiuj unu agas kiel la dua; *25.* fabela serpento, kiu mortigis per nura rigardo; *26.* egalpezo; *27.* rezineca diafana duonfluaĵo, kiu elfluas el kelkaj koniferoj; *28.* geografia priskribo de montoj.

*Ĉiu korespondaĵo pri la enigmoj estu sendata al S-ro Mooy, 106, rue General Lotz, Uccle.*

## ANONCOJ

*Trilinia anonco kostas 15 belgajn frankojn aŭ 5 internaciajn respondkuponojn. Sin turni al R. B. L. E., 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

— Carlos MESTRE, Castellon (Hispanujo), deziras interŝanĝi poŝtkartojn, poŝtmarkojn kaj korespondadon kun samideaninoj.

— S-ro Edgar SZOBOLOTZKY, 19 jara studento, Budapest VII, Rotterbiller u. 35, Hungarujo, deziras korespondi pri ĉiuj temoj, lingvoj, sporto, k.t.p.

— ESPERANTO GRUPO ALAŬDO, ĉe Othmar Bühner, St. Leonhardo, Karintio, Aŭstrujo, deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kaj interŝanĝi P. M., Esperanto literaturon.

— Deziras korespondi kun eksterlandaj esperantistoj, Ivo GRGUREV, Vodice kod Šibenika, Dalmacija, F. N. R. Jugoslavia.

— S-ro Carl EKSTROM, Norrby Lauggata, 27, Boras (Svedujo), deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkon. Certe respondos.

— BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Lange Leemstraat, 127, Antverpeno, poŝtĉekkonto 1689.58, akceptas abonojn al « HEROLDO DE ESPERANTO », duonmonata internacia organo de la Esperanto-Movado. Jarabono 1948 : fr. 165,— inkluzive de la numeroj Okt. No. Dec. 1947. Oni povas pagi en du partoj : unua partopago (tuj pagota) fr. 100,—; dua partopago (pagota ĝis 15-5-1948) fr. 65,—.

— ĈIUJN ESP. ELDONAJOJN PRI SOKOL KAJ PRI ĈEĤOSLOVAKA RESPUBLIKO vi ricevados regule sen pago, se vi anoncos vian intereson skribante al SOKOL-KONGRESO, Praha I, Narodni 3, Ĉeĥoslovakio. Estas en preparo pluaj interesaj kaj valoraj eldonaĵoj.

---

## ESPERANTA BELGA CENTRA KOMITATO

Laŭ propono de S-ro C. Braet, el Bruĝo, kunsidis, la 22an de Junio pasinta, reprezentantoj de la diversaj Esperanto-Organizajoj en Belgujo. Ili decidis starigi Centran Komitaton, kies ĉefa celo estos reprezenti la Esperanto-Movadon ĉe la oficialaj instancoj.

Dua kunsido okazis la 30an de Novembro. Ĝi elektis provizoran Estraron, kiu tuj ekfunkcios, kaj konsistas el : Prezidanto : D-ro Kempeneers (R. B. L. E.); Vic-Prezidanto : S-ro Cortvriendt (F. L. E.); Sekretario-Kasisto : S-ro Philippe Cullus, 3, Grand'Place, Braine-le-Château (T. J. O.) : Estraranoj : S-roj Debaene (Be. L. E.) kaj Van den Eynde (F. U. K. E.).

---

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO K. S.

**Lange Leemstraat, 127, ANTWERPEN**

Poŝtĉeko n-ro 1689.58.

**Novaj eldonaĵoj :**

DEGENKAMP, G. J. : *Esperanto 60jara*. Skizo pri la evoluo de la lingvo literatura... fr. **30,—**

DE BRUIN, G. P. : *De Esperanto-Litteratuur in vogelvlucht* ... **10,—**

DE HOOG, H. A., KALMA, A. J., KRUIT, W. F., kaj VAN ZON, W. : *Esperanto Krestomatio* ... **30,—**

---

**La Estraro de Belga Ligo Esperantista prezentas siajn korajn bondezirojn por Kristnasko kaj Novjaro al la membroj, kaj petas ilin pagi la kotizon 1948, laŭ tarifo sur lasta paĝo.**

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO K. S.

Lange Leemstraat, 127, ANTWERPEN

Poŝtĉeko n-ro 1689.58.

BAEKELMANS : *Elektitaj Noveloj* ... fr. 12,—
BAKKER, Hans : *Het Esperanto in een doosje* (spraakleer, sleutel en doosje met kaartenstelsel) ... 50,—
JAUMOTTE, M., kaj VERMUYTEN, H. : *Belga Antologio* (2 vol.) ... 100,—
CART et PAGNIER : *L'esperanto en dix leçons* ... 10,—
COGEN, L. : *La demando pri la plibonigo de la muzikskribo* ... 1,—
CORTVRIEND : *Waarom Esperanto?* ... 1,—
DEBROUWERE : *Zakwoordenboekje Esp-o-Nederlands en Nederlands-Esp-o* ... 5,—
DE TIERE, N. : *Devo de Reĝo* (Van der Biest) ... 5,—
DEVOS, J. : *La Ŝipeto* (Vandevelde, A.) ... 5,—
*Esperanto Leerboekje* (spraakleer, oefeningen, woordenlijst) ... 1,—
*Esperanto, premier manuel* (grammaire, exercices, vocabulaire) ... 1,—
*Esperanto Sleutel* (beknopte spraakkunst en woordenlijst) ... 1,—
FRUICTIER, P. : *Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esp-o* ... 40,—
GROSJEAN-MAUPIN : *Dictionnaire complet Esp-o-Français* ... 50,—
— *Dictionnaire complet Français-Esp-o* ... 100,—
— *Plena Vortaro de Esperanto* ... 180,—
GUIDO GEZELLE : *Se aŭskultas la animo* ... broŝ. 20,—; bind. 30,—
JAUMOTTE, Maur. : *Historio de la E. G. « La Verda Stelo »* ... 5,—
— *Kompleta Esperanta Rimvortaro* ... 10,—
KENNGOTT : *Internacia Dialogaro* ... 7,—
— *Internacia Teatraĵetaro* ... 7,—
*Koresponda Kurso* : Kursus van Esperanto per briefwisseling in vijf lessen ... 20,—
— Cours d'Esperanto par correspondance en cinq leçons ... 20,—
NYSSENS : *Bonhumoro* ... 30,—
RELGIS, E. : *La humanitaristaj principoj. La internacio de la intelektuloj* ... 5,—
ROLLET DE L'ISLE : *L'Initiation à l'Esperanto* ... 7,—
— *Inleiding tot Esperanto* (Jaumotte, M.) ... 7,—
SABBE : *Bietje* (Van der Biest, W.) ... 5,—
*Schidlof's zakwoordenboekje Esperanto-Nederlands en Nederlands-Esperanto* ... 37,50
SCHWARTZ : *Koro estas eta instrument' sekreta.* Kanto kun muzika akompano (Melodio de Kalmanowicz) ... 15,—
UNUEL : *De Internationale Taal, het vraagstuk en zijn oplossing* (Esperanto-tekst met vertaling van W. De Schutter) ... 5,—
— *La Langue Internationale, le problème et sa solution* (texte en Esperanto avec traduction par M. Jaumotte) ... 5,—
VAN SCHOOR, O. : *Judaso* (monologo por Sinjoro) ... 1,—
— *La Servistino/* (monologo por Sinjorino) ... 1,—
— *La Telefono* (monologo por Sinjoro) ... 1,—
WITTERYCK : *Het Esperanto in tien lessen* ... 8,—
ZAMENHOFF, L. L. : *Fundamento de Esperanto* (franca) ... 7,50
— *Fundamento de Esperanto* (nederlanda) ... 7,50
— *Fundamenta Krestomatio* ...
Legosignoj el silko kun bildo de Zamenhof ... 10,—
Blankaj poŝtkartoj por korespondado, kun Esperanta ŝtelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » ... ‰ 17,50; ‰ 150,—
Verdaj poŝtkartoj kun teksto kaj muziko de « La Espero » loko por adreso kaj korespondaĵo sur la dorsa flanko ... 0,25; ‰ 20,—
Ilustritaj poŝtkartoj kun Esperanto-teksto :
Antverpeno (30), 8,—; Bruselo (30), 8,—; Kortrijk (10), 3,—.
Pri la Sepa Universala Kongreso de Esperanto Antverpeno 1911 ... 25 ekz. 10,—
Sigelmarkoj kun verda stelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » :
Poŝtmarkformataj : fr. 3,— %; fr. 20,— ‰.
Rondaj : fr. 5,— %; fr. 35,— ‰.

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

### Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... 30

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... 120
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... 185
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... 300

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

Imp. LIELENS, s. p. r. l., 18, r. de la Princesse, Brux. Tél. 21.10.98